ROK XXV.
CZERWIEC
N-r 6.



JARO XXV.
JUNIO
N-o 6.

El rememoroj...



Fotografaĵo de kuracista grupo en Warszawa. La bildo farita en 1889. Inter la ĉeestantoj videbla s-o L. L. Zamenhof. Cetere legu la artikolon sur la paĝo 78.

# ESPERANTYSTA POLSKI
# POLA ESPERANTISTO

WYDAWCY: ELDONANTOJ: **POLA ESPERANTISTA KLUBO & SOCIETO ESPERANTO EN KRAKÓW**

ADRES REDAKCJI I ADMINISTRACJI: KRAKÓW, ul. LUBICZ 34

REDAKTORZY PROF. DR. ODO BUJWID TADEUSZ HODAKOWSKI REDAKTANTOJ

REDAKTOR ODPOWIEDZIALNY: JULJUSZ KRISS.

---

**PRENUMERATA:** rocznie Zł. 8.—, półrocznie Zł. 4.—. Dla towarzystw i grup esperanckich (przy przesyłce najmniej 5 egz. pod jednym adresem) roczna prenumerata Zł. 6.—.

**ABONO:** jare Zł. 8.—, duonjare 4.—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj (ĉe sendo de minimume 5 ekz. al unu adreso) jarabono Zł. 6.—

Konto Pocztowej Kasy Oszczędności Kraków Nr. 406.660.

Eksterlande jarabono — 1 dolaro.

Pojedynczy numer Zł. 0.70 Aparta numero.

---

| OGŁOSZENIA: | | ANONCOJ: | |
|---|---|---|---|
| 1 strona | Zł. 60·— | 1 paĝo | Zł. 60·— |
| 1/2 strony | „ 32·— | 1/2 paĝo | „ 32·— |
| 1/4 strony | „ 17·— | 1/4 paĝo | „ 17·— |
| 1/8 strony | „ 10·— | 1/8 paĝo | „ 10·— |

---

**WAŻNE DLA CHCĄCYCH KORESPONDOWAĆ Z ZAGRANICĄ!**

**Atentu!** Ni malfermas en nia revuo la fakon: „Korespondado".

Anonceto de 10 vortoj (krom adreso) kostas Zł. 1.—

Enpagu tuj je nia PKO. Konto 406.660.

---

## KORESPONDADO.

„HINDA ESPERANTISTO" organo de la gee-istoj en la hinda arkipelago atendas volonte abonojn el Polujo. **Jarabono** 5 resp. kup. **Adreso:** Liem Tjong Hie, Semarang, Java.

---

Sendu 8 resp. kup. kaj vi ricevos tuj afrankite JAVAN PAKETON enhavantan 1 ekz. **Javaj Legendoj**, 1 ekz. Multatuli: **Historio de Saidjah**, 1 ekz. **Malaja Esp. Ŝlosilo**, 1 n-ron de **„Hinda Esperantisto"**. Skribu al S-ro **LIEM TJONG HIE, SEMARANG, Java.**

---

S-anino **Erna Zimand en Stryj, Potockiego 5.** komunikas, ke ŝi posedas ekzempleron de la unua lernolibro de Esperanto 1887 de Dro Esperanto, por poloj. Kiu volas ĝin aĉeti?

---

**Do niniejszego numeru „Polskiego Esperantysty" dołączamy jako bezpłatny dodatek:**

**1) Kartę wpisu (aliĝilo) na Pokongresowy Zjazd w Warszawie.**



# POLA ESPERANTISTO

MONATA REVUO DE ESPERANTISTA MOVADO EN POLUJO KAJ EKSTERLANDE.

# ESPERANTYSTA POLSKI

MIESIĘCZNY PRZEGLĄD RUCHU ESPERANCKIEGO W POLSCE I ZAGRANICĄ.

ROK XXV JARO | KRAKÓW CZERWIEC 1931 JUNIO | Nr 6 N-o

## Prof. T. Cart mortis...

La fidela gardanto de nia lingvo ne vivas! Prof. Cart, prezidanto de la Esperantista Akademio, mortis subite la 21-an de majo en la aĝo de 76 jaroj.

Ne nur la plej proksimaj, ne nur la intimaj konatoj kaj amikoj, sed senescepte la tuta esperantistaro funebras pro la kruela bato. Pro tiu neatendita morto de nia blankbarbulo, kies vivo ĝis la lasta momento estis pli vigla kaj agema ol de ne unu junulo.



Funebras ni en nia eno pro la senkompata frapo de la sorto.. Ĉu estas eble ĉi-momente paroli pri liaj agoj kiel esperantisto? Ni sentas en niaj koroj tro da doloro, tro da enlarma malĝojo por povi esprimi niajn profundajn sentojn pro la subita perdo kaj tiom pliprilia mult flanka agado.

Ne nur ni, esperantistoj perdas en li pecon de la historio de nia movado kaj de la evoluo de nia lingvo, sed ankaŭ la urbo Parizo, ĉefe la latina kvartalo perdas en li homon de granda valoro kiu partoprenis en la agado de preskaŭ ĉiuj bonfaraj societoj.

Triobla patro: de esperanto, de la latina kvartalo kaj de la

blinduloj. Al tiuj lastaj li ja dediĉis tiom da tempo por mildigi ilian sorton!

Vi foriris, kara prezidanto kaj amiko, sed viaj verkoj, via laboro, viaj zorgoj kaj klopodoj, via ekzemplo de honesta kaj lojala defendo kaj gardado de nia lingva trezoro, restos por ĉiam en nia memoro.

Dorna estis via vojo dum la hezitema epoko, sed dank' al via neniama devojiĝo, nia lingvo eliris venke kaj sentuŝe el tiu malfacila periodo. Ĝi estis iam... Vi savis tiam ne nur esperanton, sed entute la ideon de lingvo internacia. Vi montris al ni en viaj oftaj, profundaj diroj la vojon sekvotan. Vi lasis al ni testamenton.

Iam la tuta mondo, nun nur la esperantistaro, kortuŝe dankas al vi pro tio.

Dorna estis via vojo en la defendo de nia ideo, sed sendornaj estas la floroj, kiujn ni nun metas sur vian freŝan tombon.

Ripozu en paco, kara amiko, la voj' de vi unu fojon signita estas la sole ĝusta. Ni sekvos ĝin, vian testamenton, kaj alte ni tenos la standardon de nia trezoro, kiun la Eterno faligis el fiaj manoj!

**S. Grenkamp.**

## MALNOVA FOTOGRAFAJO DE L. L. ZAMENHOF KUNE KUN LIAJ POLAJ KOLEGOJ.

Mi trovis en miaj paperajoj unu fotografaĵon de mi faritan en la jaro 1889, kie mi fotografis la grupon de niaj universitataj medicinaj kolegoj. Fine de julio 1889 ni faris nian unuan kunvenon en Warszawa post la kvinjara praktikado de la medicino kiel tute junaj kuracistoj. Ni povas vidi L. L. Zamenhof ĝoje ridetanta, sidanta modeste dekstre en la grupo.

Gaja estas la junularo kaj ni estis gajaj, ridetantaj dum la agrabla ekskurso al Wilanów, la somera sidejo de nia fama pola reĝo Jan Sobieski.

Tuta grupo de junaj kolegoj babilis, kantis, faris grandajn projektojn por la estonteco, kvankam neniu el ni pensis pri tiom grava kaj granda malkovro, kiun faris nia modesta kolego. Nur kelkaj el la kolegoj supozis, ke la afero disvolviĝos kaj interesiĝos eĉ aliajn popolojn. Kelkaj eĉ mokadis de tempo al tempo pri la utopiulo... Pensadi pri alia lingvo, kiam la propra lingvo estas malpermesata en la lernejo kaj en la universitato... estas ja krimo! unuavice necesas subteni siajn proprajn lingvon kaj kulturon... Neniu pensis tiam, neniu imagis, ke post 25 jaroj venos granda terura milito, post kiu nia patrujo estos liberigita.

Jes, nun ni havas sanktan devon laborante por ni en nia libera patrujo, penadi senĉese por la disvolvo de tiom grava pacema kaj paciga ilo, naskita ĉe ni, eltrovita de unu el ni, sed apartenanta al la tuta mondo.

Do ni laboru kune por la sankta afero!

Nur kelkaj vivas ankoraŭ, kiuj estis kune kun Zamenhof dum tiu gaja ekskurso. Sed alvenis novaj freŝaj junaj fortoj, kiuj subtenos la aferon!

Junularo laboru por la proksima estonteco!

**O. Bujwid.**

# UNUAJ PIONIROJ DE ESPERANTO EN POLLANDO.

Antaŭ la 23-a Kongreso estas necese memorigi la meriton de unuaj kunlaborantoj de nia Majstro. Ne facila estis ilia tasko inter grandega aro de ne-konprenemuloj de la lingvo kaj ideo — des pli granda estas la merito.

Multaj el ili jam ripozas eterne; nemultaj ankoraŭ vivas kaj laboras.

Al unu el la plej meritaj apartenas antaŭ kelkaj jaroj mortinta pola inĝeniero Antoni Grabowski, unuaranga stilisto kaj poeto, kiu tradukis interalie la faman poemon de pola poeto Adam Mickiewicz: „Sinjoro Tadeo" esperanten. Oni diras ofte; „se Zamenhof kreis la lingvon, Grabowski ĝin aplikis kaj prilaboris". Al li apartenas la unua granda vortaro esper- pola kaj pol- esperanta.

Grabowski estis lingvokonatulo kaj parolis pli ol dek lingvojn. Li eldonis ankaŭ „El Parnaso de popoloj", konatan tradukon de poeziaĵoj de 30 lingvoj.

Ne malpli talenta estis D-ro K. Bein konata tradukinto de „Faraono" de B. Prus (A. Głowacki). Li eldonis bonegan vortaron. Nun li ne partoprenas en la movado.

Menciindaj estas kiel unuaj kunlaborantoj fratoj de Majstro: Leon kaj Feliks Zamenhof, kiuj senlace laboras kaj nun, vigle subtenante la movadon.

Ne malpli vigla kaj laborema estas Leo Belmont. Kun Grabowski ili ambaŭ staris en la unua rango de stilistoj kaj poetoj pol-esperantaj.

Meritplena subtenanto de la movado estis ankaŭ s-ro kolonelo Günther, kiu ĝis nun ne forlasis la kunlaboradon, kvankam multege suferis je la sekvoj de la milito.

Du jam mortintaj amikoj de Zamenhof estis: fama lingvisto Adam Zakrzewski kaj Al. Brzostowski.

Kiel kunlaboranto estas menciinda d-ro W. Róbin.

Mi menciis nur kelkajn nomojn kaj eble preterlasis aliajn, kiuj sufiĉe frue komencis kunlaboradi kun la Majstro. Sed mi ne volas nun fari historian skizon kunprenanta ĉiujn. Tio estos farita sendube pli detale okaze de la jubileo de „Pola Esperantisto", kiu okazos tiujare.

**O. Bujwid.**

# BELAĴOJ DE APUD-KRAKOVAJ REGIONOJ.

Ĉirkaŭaĵoj de Kraków abundas pri naturaj belaĵoj kaj ĉi-rilate Kraków estas multe pli riĉa ol aliaj urboj polaj. Kun pitoreska pejzaĝo de Krakovaj ĉirkaŭaĵoj, kun ĉarmo de la naturo, ligas sin multloke ravo de historiaj memoraĵoj, alparolanta nin per eĥo de l' pasintaj jarcentoj kaj historia gloro.

Unu el plej ŝatataj de Krakovanoj kaj plej proksimaj ekskurslokoj estas Bielany, kiujn oni povas atingi aŭ piedire (9 km de la

urboj aŭ per ŝipo. Ĉarmplena arbareto de Bielany estas loko de popolaj amuzoj, precipe dum Pentekosto kaj okazanta tiam indulgenca festo. Bela barokstila monaĥejo de Kamaldalanoj, fondita en 1608 de kronmarŝalo Wolski, ĉirkaŭita estas de vico da ermitaj dometoj apartigitaj per ĝardenetoj; ĝi estas ununura hodiaŭ en Polujo ermitejo de Kamaldalanoj. El galerio apud la monaĥeja pordego etendiĝas bela vido al Kraków kaj Vistulo. De tie en 1656 la reĝo Johano Kazimiro, fuĝante el Kraków antaŭ Svedoj, rigardis brulegon de antaŭurboj.

Pli fore de Bielany, sur abrupta rokego, sur dekstra bordo de Vistulo, altiĝas ruinoj de abatejo Benediktana en Tyniec. Ĉi loko, nature defenda, jam en idolanaj tempoj estis sidejo de potenca familio de Starza; ĝi havis kredeble sur la monto sian kastelon, post kiu kiel postsigno restis remparoj. Kun tiu loko ligas sin romantika historio pri grafo de Tyniec, Walgierz Udały, kiu pro venĝo mortigis sian perfidan edzinon Heligunda, reĝidinon frankan, kaj ŝian amaton princon Wisław el Wiślica.

Kun riĉa iam abatejo de Benediktanoj el XI jrc. estas kunligitaj rememoroj pri invado de Svedoj en j. 1656 kaj bataloj de konfederacianoj Bar'aj, kiuj en 1772 havis ĉi tie sian ĉefan tendaron, de ĉi tie aranĝis atakojn kontraŭ Rusoj en Kraków. En 1831 la monaĥejo kaj preĝejo forbrulis de fulmo. La preĝejon oni estas rekonstruinta kaj hodiaŭ ĝi servas kiel paroĥa, la monaĥejo restas en ruinoj. La muroj, starantaj sur vertikala rokego super Vistulo, devenas el XVII jrc.

En belveteraj tagoj, sur silenta plato de Vistulo, naĝas direkte al Tyniec vicoj de boatoj kaj vaporŝipoj: amatoroj de romantika ĉarmo ŝatas ankaŭ okazigadi tiajn ekskursojn en helaj noktoj ĉe lunpleno, kies arĝentkolora disko reflektiĝas mistere en spegulo de l' akvoj...

La plej belaj, iom pli foraj ekskurslokoj, nomataj „Krakova Svisujo", estas situitaj apud la fervoja linio de Kraków al Trzebinia, do de tie ili estas facile alireblaj. Tuj de la unua stacio en Mydlniki ni atingas tra kampoj kaj herbejoj arbarabundan valon de la rivereto Rudawa, super kiu altiĝas pentrindaj kalkaj rokoj; la plej alta el ili havas nomon „Roko de Kmita", ĉar sur ĝi, laŭ la legendo, kavaliro Kmita, enamiĝinta malfeliĉe en bela fraŭlino Bonar, saltis en j. 1515 en abismon. Tiu ĉi loko ĉiam svarmas dimanĉe de avidaj pri bonaero kaj verdaĵo — Krakovanoj.

De la stacio en Zabierzów kondukas komforta vojo al la rokriĉa intermonta valo en Bolechowice, tra kies mezo vigle fluas torento Kluczwoda; ĝi estis antaŭ la granda milito la limo inter la teritorioj konkeritaj de Rusoj kaj Aŭstroj, kaj la malfermaĵoj rokaj kaj grotoj, troviĝantaj en parioj de la valo estis jam plejparte en iama Kongres-Polujo. La eniron en la intermontaĵon gardas t. n. Roka Pordego, formita de du altaj, preskaŭ vertikalaj malsupreniĝantaj parioj el juraa kalkŝtono; ili estas tiel proksimaj, ke formas trapasejon nur de dekkelk-metra larĝeco. Belegan kontraston kun griza nudeco de l' kalkaj rokoj formas la freŝa verdaĵo de l' kreskantaj en la valo pinglo- kaj foliarboj. Laŭlonge de tuta limo de maldekstra alo de la Pordego kaŝiĝas misteraj kavernoj, kiel Kurba, Sennoma, Alta, kvin kavernoj Falkaj ktp. Kaj de la altaĵo alta 449 m etendiĝas sorĉ-

plena vidaĵo al valo de Rudawa, Kraków kun memormonteto de Kościuszko, Bielany, kaj ĉe konvenaj atmosferaj kondiĉoj al Beskidoj kun Babia Góra, kaj eble eĉ al Tatroj.

Eble multe pli bela ol la intermonta valo en Bolechowice estas tiu en Mników longa 6 km, en kiu ankaŭ tavolegoj de blanka juraa kałkŝtono aperas kiel krutaj, abruptaj rokoj; ĉe iliaj piedoj sterniĝas nekutime pentrinda kaj abunda pri plantaro valo, sur kies fundo kvazaŭ rubando serpente zigzagas la torento. Apud la enirejo al la intermonta valo troviĝas du kavernoj en nekulturata loko t. n. „Na Łopiankach", unu el ili posedas belajn stalaktitojn; en la ĝusta valo ni renkontas pluajn misterajn kavernojn. Mników, al kiu la plej proksima aliro estas de la stacio en Rudawa (piede tra vilaĝoj kaj kampoj 2 — 3 horojn), akiris apartan famon en la mondo de sciencistoj depost la tempo, kiam en multaj ĝiaj kavernoj oni trovis homajn kaj bestajn ostojn, kaj tre interesajn kaj valorajn restaĵojn el antaŭhistoria periodo.

La trajnhaltejo en Krzeszowice estas elirpunkto por du plej belaj ekskursoj: al Czerna kaj al Tenczynek. La vilaĝo Czerna belege situas sur deklivo de altaĵo, sur kiu staras la preĝejo de S-ta Eljas kaj monaĥejo de Karmelitoj nudpiedaj, ambaŭ fonditaj en j. 1631 de vidvino post vojevodo krakova, Nikolao Firlej. Ĉe piedoj de la monaĥejo etendiĝas longa intermonta valo t. n. „Valo de S-ta Eljas", tra ĝia mezo fluas pitoreske monta torento, super kiu altiĝas grandioza ŝtona viadukto el j. 1671, nomata „Diabla Ponto", kiu ligas ambaŭ bordojn de la valo. En 6-kilometra foraĵo de la trajnhaltejo en Krzeszowice, en sud-okcidenta direkto, troviĝas ruinoj de la kastelo en Tenczynek. Ĝia fondinto estis ĉ. la j. 1319 la krakova kastelestro, Nawoj el Przeginia; de lia nomo unu el la kastelaj bastionoj nomiĝas ĝis nun Nawoj'a Bastiono. La kastelo, kuŝanta pentrinde sur la altaĵo, ĉirkaŭita de arbaro, posedas riĉan pasintecon kaj kelkfoje ŝanĝis la proprulojn.

Bruligita en j. 1656 poste restaŭrita, fariĝis ree viktimo de flamoj pro fulmo en 1768. De tiam komenciĝis ĝia kaduko.

Hodiaŭ ruinoj de grandiozaj bastionoj kaj muroj, inter kiuj laŭ diroj de vilaĝanoj krozas noktotempe misteraj spiritoj kaj vampiroj, estas nur monumento de la pasinta gloro.

Apud piedoj de la ruinoj etendiĝas pentrinda, ĉirkaŭita de verdaĵo — lago, kiu ankaŭ multe kontribuas al romantikeco de tiu vere vizitinda loko.

Tradukis **T. Hodakowski.**

# HELPU KONSTRUI LA BABELAN TURON...

Kiu el ni ankoraŭ en frua infaneco ne aŭdis la biblian legendon pri la konstruo de la Babela Turo?

Kiu el ni, ne portas ĝin en la memoro, en pensoj pri tempo, kiam ĉiuj homoj parolis unu lingvon kaj preĝis al unu Dio — la Dio de l' Amo?

Kiu el ni ne sonĝas pri reveno de tiuj tempoj, kiam ĉiuj homoj denove komprenos unu la alian, kiam paco kaj amo ekregos sur la tero?

Kiu el ni?

Kaj aparte el ni, esperantistoj, por kiuj la legendo fariĝis ne dessîrebla parto de la ideo, kiun ni plej ame karesas per animo kaj koro?

Ĉu la tuta laboro, kiun ni dum multaj kaj longaj jaroj faras, ne konsistas en restarigo de la Babela Turo, sur fundamenta bazo de reciproka interkompreno kaj amo? Ke la Turo per komunaj fortoj konstruita fariĝu nunfoje beno por la homaro!

Ĉu tio restu nur sonĝo, utopio? Ne, certe, ne! Tro arde la homaro sopiras ĝian efektivigon.

Sed se ni estas ankoraŭ nun pli aŭ malpli proksimaj de la realigo de nia ideo kaj ĝia simbolo, ni aŭdas nun voĉon vokantan al konstruo de la Turo, jam nun sur tero, el efektivaj ŝtonoj, el veraj brikoj. Ĝi estu MONUMENTO AL NIA MAJSTRO. AL LI, KIU DONIS AL NI LA IDEON, AL LI, KIU IGIS NIN ĈIAM PENSI PRI LA BELA LEGENDO!!-

Ĝi estas voko de białystoka esperantistaro, konstruanta la Monumenton al la Majstro, la Turon kiu simbolos nian amon al Li, la adoron por la testamentita al ni ideo.

Jam komenciĝis la preparoj.

En Aŭgusto dum la Białystoka Postkongreso okazos la Solena Monumento-Ceremonio.

Reprezentantoj de ĉiuj teranguloj venos alportante el la hejmo siajn brikojn kaj metos ilin al la fundamento de la grandioza monumento-konstruaĵo.

Duobla simboligo: Babela Turo konstruata el ŝtonoj alportitaj de ĉiuj landoj sur bazo de reciproka kompreno.

La tutmondo konstruas eternan glorigilon al nia Majstro, al Lia triumfanta ideo.

Sed por la konstruo brikoj estas bezonaj. Kiu ilin portu?

Kiu, se ne ni? Kiu, se ne la fidelaj disĉiploj. Ja ĝi por nia Majstro, por nia ideo...

Do, ni, ni, ni.

Ni portu la brikojn. Fervore, vigle, ĝoje ni efektivigu la konstruon! La Monumento-Turo, kiu ekstaros en Białystok — en la naskurbo de la bonfarinto de la homaro, estu nova kuraĝigilo, nova simbolo de nia realiĝanta revo.

Ĉiu portu do sian brikon!!!

Ĉiu helpu konstrui la Babelan Turon!!! **F. K.**

## POLLANDA KRONIKO.

**BYDGOSZCZ.** En la monata kunveno de la „Societo Esperanto" dum monato majo interese parolis s-o Stefan Fethke pri la temo „Per Esperanto ĉirkaŭ la mondo" bazante ĝin sur la spertoj de la propagandisto s-o Scherer. — La loka gazetaro konstante favore raportas pri nia movado. — La 28. de majo k. j. mortis entuziasma E-o propagandanto, instruisto Stanisław Głowczyński, longjara fervora membro de la loka „Societo Esperanto", dum jaro 1927 ĝia estrarano (bibliotekisto). La mortinto sukcesis enkonduki Esperanton en la unan Ŝtatan Blindul-Instituton en Polujo, troviĝantan en Bydgoszcz kaj gvidis tie kelkajn sukcesajn kursojn. Pulm-malsano lasttempe detenis lin de aktiva kunlaboro. Nun la morto lin tute forrabis. Dormu pace, kara samideano.

La prelego de hinda profesoro Sinha okazis la 23-an de aprilo 1931 laŭ invito de lokaj societoj: Scienca Esperanta Rondo kaj Societo-Esperanto. Ĉirkaŭ 400 personoj auskultis en salono de Klasika Gimnazio, la interesan prelegon en Esperanto pri: „Kutimoj kaj moroj en Hindujo", kiun tradukis polen s-ro profesoro Sygnarski, prezidanto de la Scienca Esperanta Rondo. Post la prelego sekvis publikaj demandoj al la preleginto kaj ties respondoj, la lumbildoj, komuna fotografaĵo. Samideano Sinha disdonis siajn aŭtografojn. La hindan samideanon gastis hejme geprofesoroj Sygnarski.

La 24-an de marto 1931 fondiĝis „Naukowe Koło Esperanckie, Scienca Esperanta Rondo, Bydgoszcz) la adreso: Państwowe Gimnazjum, Bydgoszcz, pl. Wolności 4). La ĉefa celo de la Rondo estas disvastigi pere de Esperanto polan kulturon en eksterlando. — En la Estraron eniris: prof. Sygnarski Mieczysław (prezidanto), Fethke Stefan (kasisto), inż. Juszkiewicz Ryszard, Krzysztofowicz Włodzimierz (sekretario), ks. prof. Kukułka Łucjan, Michalakówna Izabela, Dr. Peliński Stanisław, Dyr. Skalski Witold, prof. Wojciechowski Franciszek.

**KATOWICE.** La Societo de Esperanto Amikoj en Katowice okaziĝis la 9-an de aprilo sian ĝeneralan kunvenon, en kiu estas elektita la sekvanta estraro: Prezidanto Faruga, Vicprezidanto Przyłucki, Sekretario Kloss, Kasisto Kania, Bibliotekisto Kostka Konsilantoj Zug' kaj Leuschner.

Samtempe ni komunikas al la legantoj de „Pola Esperantisto", ke ni decidis, la projektitan antaŭkongreson kaj la V Tutpollandan Kongreson ne aranĝi en Katowice. Ni intencis grandstile prepari tiujn Kongresojn, sed ni spertis, ke la plej gravaj ŝtataj kaj komunalaj administracioj ankoraŭ estas indiferentaj al nia movado. Por esplori la laboremon de la propraj membroj kaj de la najbaraj grupoj ni kunvokis la 8-an de februaro al „Regiona konferenco". Bedaŭrinde ankaŭ tiu konferenco pruvis al ni, ke la aranĝo de la projektitaj Kongresoj estus por ni granda risko. Ankaŭ la ekonomiaj ĉirkonstancoj en Supra Silezio estas nuntempe tre malbone. Atentinda estas la fakto, ke jam en Germanujo oni intencas aranĝi antaŭkongresojn, tial ni ne volas haltigi la kongresanaron en nia urbo, ĉar ili eble dezirus, post laciga vojaĝo esti kiel eble plej baldaŭ en Kraków.

**KNURÓW.** La 28. 5. prelegis S-ro L. Sinha en Knurów. Partoprenis 60 personoj inter ili la tuta instruistaro kaj multaj oficistoj. S-ro Kołodziej tradukis polen. La intereso estis granda kaj oni faris kelkajn demandojn al S-ro Sinha. Estis farata fotografaĵo sur la scenejo kun S-ro Sinha.

**KRAKÓW.** Estis ĉi tie s-o Sinha, kiu trifoje prelegis antaŭ multenombra aŭskultantaro, kvankam la varmega vetero ne favoris restadon en la ĉambro. Kiel tradukanto funkciis s-o T. Hodakowski.

**KRÓLEWSKA HUTA.** La 27. 5. okazis en Dom Polski prelego de la hindo L. Sinha pri la temo „Hindujo iam kaj nun". S-ro Kloss tradukis germanen. Ĉeestis 130 personoj precipe laboristoj. Post la prelego estis lumbildprezentado, en kiu s-ano Sinha montris kelkajn eminentulojn de Hindujo kaj diversajn konstruaĵojn. Flanke de la publiko estis farataj kelkaj demandoj al S-ro Sinha, kiujn li kun ĝojo respondis. — La prelego estis aranĝita en kuniĝo de Rondo Esperantista kun la germana asocio por laborista klerigado. La germ. gazetoj „Oberschlesische Wanderer" kaj „Volkswille" publikigis artikolojn pri la prelego.

**LWÓW.** La 9. V. alvenis nian urbon hinda samid. S-ro Lakshmiswar Sinha kaj restis ĝis la 19. V. Dum tiu ĉi tempo okazis dank' al klopodoj de S-ro Schnützer tri publikaj prelegoj. La unua kun koncerto okazis en Gimnazio kaj Liceo de Olga Żychowicz. Ĉeestis 400 lernantinoj kun profesoroj. Interesiĝo kaj entuziasmo estis granda. — La dua vespero de hinda muziko kaj poezio okazis en „Kazino kaj Rondo Literatur-Artista". S-ro Sinha faris prelegon pri Rabindranath Tagore kaj Mahatma Gandhi kaj kantis belege bengalajn kantojn. Ĉeestis ĉ. 200 personoj. La tria prelego kun lumbildoj okazis en Teknologia Inst. afable disponigita de Komerca Ĉambro por lernantoj. Bonege kaj lerte tradukis nia fervora samid. Dro St. Zausmer. La prelegoj vekis grandan interesiĝon. La lokaj gazetoj aperigis artikolojn kaj intervjuojn.

Literatur-Muzik-Artista Sekcio „Esperanto" kun helpo de „Unuiĝo de Hungaraj Literaturistoj „Petöfi" en Budapest" aranĝis la 18-an IV. en salonego de la Urba Kazino — „Solenan Vesperon de Muziko Kanto **kaj Poezio Hungaraj"** — kun partopreno de plej eminentaj geartistoj de Urbaj Teatroj, de la hun-

ĝara koncert-kantistino el Budapest, s-ino Margareto de Lukács (kantis esperante kaj hungare la plej belajn hungarajn popolkantojn ĉe akompano de cimbaloj, vestita en nacia hungara kostumo) kaj de la militista orkestro de 19 i. r. La honoran protektorecon akceptis la hungara plenrajtigita ministro en Warszawa. Al la Honora Komitato Pol-Hungara de la aranĝita festo estis invititaj i. a. lia kardinala moŝto princprimato de Hungarujo, Dro Just. Serédi, hon. prezidanto de Hungarlanda Katolika Esperanto-Societo, Dro K. de Kalocsay kaj Prof. J. de Mihalik en Budapest, Prof. Dro Odo Bujwid en Kraków, prez. de P. E. D.

La kantoj kaj poeziaĵoj estis prezentataj parte esperante, parte pole kaj hungare. La literatura parto estas dediĉita al „Polujo en la hungara poezio".

**SOSNOWIEC.** La 29-an de majo je la 17-a horo prelegis s-ro Laksmishwar Sinha en la knaba gimnazio „Wawel" antaŭ 140 gelernantoj kaj instruistoj. — La 31-an je la 20-a horo okazis publika prelego en salonego de la hotelo „Angielski" antaŭ 130 personoj. La temo en ambaŭ estis: „Hindujo iam kaj nun". Sukceso estis bonega. Aranĝantoj de ambaŭ prelegoj estis „Esperanta Delegitaro de Zagłębie". — La loka gazeto „Express Zagłębia" aperigis pri la prelegoj du artikolojn kaj unu intervjuon, faritan kun s-ro Sinha en la redakcio. S-ro B. Czechowski lerte tradukis dum la prelegoj. — Esperanta movado de Sosnowiec estas malgraŭ la somera tempo tre vigla. La 21-an de junio estos la 37 partoprenintoj de la Ĉe-metoda kurso ekzamenataj. La kurson gvidis s-ro J. Goldfarb en „Esperantista Klubo". — La 24-an de majo aranĝis E. D. Z. grandekskurson al Maczki. Partoprenis ĝin la esperantistaro de Sosnowiec, Będzin, Dąbrowa, Janów, kune ĉirkaŭ 200 personoj.

**TARNÓW.** La 20-an de majo okazis ĉi tie publika prelego de s-ro Sinha s. t. Hindaj kutimoj kaj moroj. Ĉeestis 150 personoj. Post la prelego oni faris multajn demandojn al la parolinto, kiujn li afable respondis. Tradukis s-ro T. Hodakowski.

**WARSZAWA.** Pola Esperanto Asocio translokiĝis al nova ejo ĉe Marszałkowska str. 113 m. 6. Dejoroj okazas ĵaŭde de la 19—21 h. S-ino Cense gvidas superan kurson de Esp.

# II-A INTERNACIA ESPERANTA POSTKONGRESO EN WARSZAWA 9-11 DE AŬGUSTO 1931.

**Honore** al Majstro estos enmurigota memortabulo ĉe la ĵus nomigita strato Zamenhofa 9 kaj honore al Antoni Grabowski ĉe la strato Hoża 40. Por tiu celo oferis: 1) s-ro K. Tymiński, Nowogródek 25 zlotojn kaj 2) prof. O. Bujwid, Kraków, 20 zlotojn. Pluaj oferoj danke akceptataj.

**Granda solenaĵo** sur la tombo de l' Majstro okazos dum la Postkongreso, kiam reprezentantoj de la Tutmonda Esperantistaro multnombre honoros la grandan Kreinton de Esperanto.

**Programo** de la Postkongreso antaŭvidas ankaŭ prezentadon; gvidadon tra la muzeoj, kasteloj, urbaj vidindaĵoj, ekskurson k. t. p. Programo sekvos en la plej proksima bulteno.

**Ekskurso** al Varsovio, anoncata de la Loka Kongresa Komitato en Krakovo ne estas aranĝo de la Postkongresa Komitato en Varsovio, kiu krom la komuna vojaĝo al Varsovio, zorgas pri diversaj plifacilaĵoj, malmultekostaj loĝejoj k. t. p.

**Kotizaĵo** por persono estas 8 (ok) złotoj aŭ egalvaloro. Post la 1-a de julio — 12 (dekdu) złotoj aŭ egalvaloro. Studentoj kaj lernantoj, posedantaj konformajn legitimilojn je 50 proc. malpli. Do aliĝante tuj vi ŝparos al vi la monon kaj al ni — la laboron.

**Aliĝiloj** estas riceveblaj pere de gravaj naciaj esperantaj organizaĵoj, gazetoj aŭ senpere de la Organiza Komitato.

**Vivkostoj** en Varsovio, kiel ĝenerale en Polujo, estas tre malaltaj. Tagmanĝoj estas riceveblaj de 1 złoto 20 gr.

**Adreso:** Internacia Esperanta Postkongreso en Varsovio (Polujo), Widok 19. telefono 234-84. POŜTĈEKA KONTO 25390 (s-ro J. Litauer, Varsovio).

**Represo** de tiu ĉi bulteno estas tre petata.

**Varsovio, la ĉefurbo de Polujo atendas Vin! Do, ne hezitu kaj aliĝu tuj!**

**La Organiza Postkongresa Komitato.**

# MONDVOJAĜO DE S-O SCHERER.

Nia komuniko en la lasta numero de „P. E." elvokis tre malfortan eĥon inter la pola esperantistaro. Venis nur kelkaj respondoj sed rifuzaj je nia speciala cirkulero sendita al multaj grupoj. Ni plene komprenas, ke la monato julio ne estas tre taŭga por la prelegoj, sed aliflanke la priparolotaj temoj povos veki intereson kaj ankaŭ la fakto, ke Universala Kongreso okazas en Pollando multe povas helpi al sukceso.

Tial ni ankoraŭfoje alvokas al senprokrasta respondo je nia cirkulero kaj ni petas ankaŭ rifuzintajn grupojn peni retiri sian decidon, ĉar eventuala neokazigo de prelegoj en Pollando povus elvoki en la tutmonda esperantistaro ŝajnon, ke Esperanto estas senforta en Pollando.

La respondojn ĝis plej malfrue 25-a de junio ni petas direkti al adreso: J. Alfus, Kraków, Słoneczna 31.

**Ekzekutiva Komitato de P. E. D.**

# ZAMENHOF-MONUMENTO EN BIAŁYSTOK.

(Sub la kontrolo de I. C. K.)

Adreso de la Organiza Komitato: Białystok (Polujo), Poŝtkesto 120.

## OFICIALA KOMUNIKO.

La tutmonda esperantistaro certe ekscios kun ĝojo, ke jam estas komencitaj la preparoj por la konstruo de Zamenhof-Monumento en Białystok.

Fidelaj al la Majstro, fidelaj al la de Li testamentita ideo, ĉiuj gesamideanoj de la vasta mondo, multe kontentos, ke fine almenaŭ unu urbo, kaj nunokaze ĝuste Lia naskurbo havos decan monumenton, gloriganta kaj eterniganta la memoron de la bonfarinto de l' homaro.

En la Oficiala Bulteno de la białystoka Postkongreso troviĝas jam la necesaj informoj pri la Monumento mem kaj la Solena Monumento-Ceremonio, dum la Postkongreso okazonta. Tie ĉi ni volas sole atentigi, ke pro la altaj kostoj de la monumento, la subvencio de la urbo kaj la monkolekto en Białystok ne sufiĉos. Mankos ankoraŭ multe, multe da nomo. Por ĝin havigi estas okazigata sub la kontrolo de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado internacia monkolekto.

Ni estas firme konvinkitaj, ke neniu el la gesamideanaro en la tuta mondo rifuzos plenumi sian agrablan kaj honoran devon — MONOFERI POR LA MONUMENTO AL LA MAJSTRO. Multaj el ili certe ne limigos sin sole per monofero, sed ankaŭ ŝatos kunhelpi en la monkolektado. Apartan kaj sinceran antaŭdankon akceptu tiuj. Per tio ili multe helpos al ni.

Informojn pri la Monkolekto ni donas ĉi sube. Legu ilin kaj vi scios kiel kaj kion vi devas fari por helpi al ni plenumi la honoran sed malfacilan taskon.

Fine ni vokas: Monoferu ĉiu, rapide, malavare... Kolektu monoferojn de aliaj. Instigu monoferi... Via helpo estas necesa, bezona, urĝa...

Ni atendas. Antaŭan dankon!

LA ORGANIZA KOMITATO.

Prezidanto: **J. Ŝapiro.** Ĝenerala Sekretario: **F. Kurjański.**

Białystok, en Junio 1931.

## INFORMOJ PRI LA MONKOLEKTO.

La Organiza Komitato eldonis brik-kartojn, riceveblajn de ni senpere, ĉe niaj reprezentantoj kaj fine en ĉiuj esperantaj grupoj de la tuta mondo. La prezo de ĉiu brik-karto estas zł. p. 0.50., egalaj al Sv. Fr. 0.30. (Egalvaloro de eksterlanda leter-afranko).

Pli altaj monoferoj, laŭ specialaj deklaroj (pago unufoja aŭ poparta) estas

kvitancataj per apartaj dankleteroj de la Komitato. Tiujn deklarojn petu de ni aŭ de niaj reprezentantoj. La nomoj de ĉiuj monoferintoj aperos en la MONUMENTA ORA LIBRO.

En proksima tempo ni malfermos monkolektan ĉenon en la esperanta gazetaro kaj aperigos bildkarton de la Monumento-projekto. Ankaŭ tiuj kartoj servos por kolekto de monoferoj.

La Solena Inaŭguro de la Monumento-Ŝtono okazos dum la nunjara Postkongreso: la malkovro de la Monumento, plej verŝajne en Pentekosto 1932 dum Pollanda Esp. Kongreso. Cetere la lasta dependas de la progreso kaj intensiveco de la okazigata monkolekto, sekve de la esperantistaro mem.

Pri ĉio rilatanta al la Monumento kaj la monkolekto sin turnu al ni aŭ al niaj rajtigitaj reprezentantoj.

Korespondaĵojn kaj pagojn, sendatajn senpere — al ni, bonvolu adresi: Organiza Komitato de Zamenhof-Monumento en Białystok (Polujo) Poŝtkesto 120. Provizora poŝtĉekkonto Nro 64.621. (Zamenhofa Esperanta Societo).

# II-A INTERNACIA POSTKONGRESO ESPERANTISTA

## BIAŁYSTOK, 12—13. VIII. 1931

## Adreso: Białystok, Pollando, Poŝtkesto 120.

### OFICIALA BULTENO.

Ni havas la honoron komuniki al la tutmonda geesperantistaro, ke tuj post la XXIII. Universala Kongreso en Kraków kaj la Postkongreso en Varsovio, nome en la tagoj **de 12. kaj 13. de Aŭgusto** okazos en BIAŁYSTOK — LA NASKURBO DE NIA MAJSTRO, **sub la alta protekto de la Białystoka Vojevodo kaj aŭspicioj de la I. C. K. de la Esperanto-Movado**

II. INTERNACIA POSTKONGRESO ESPERANTISTA, dum kiu havos lokon

SOLENA CEREMONIO DE ZAMENHOF-MONUMENTO starigota al nia Majstro en Lia naskurbo.

Informante pri tio, ni plej kore invitas la tutmondan esperantistaron partopreni en la Postkongreso kaj la Monument-Soleno kaj tiamaniere honorigi la memoron de nia neforgesebla Majstro.

Ĉiuj gesamideanoj, kaj aparte la landaj reprezentantoj (en Polujo ankaŭ reprezentantoj de urboj) venontaj al nia Postkongreso, **estas insiste petataj kunporti el sia hejmo pli aŭ malpli grandan pecon da briko aŭ ŝtono.** Tiuj metitaj dum la Monument-Soleno estu la bazo de la fundamento, sur kiu staros la Monumento kaj simbolu, ke ĝi estas konstruata el la brikoj de la tuta vasta mondo, de la tuta esperantistaro. La Monumento mem, konstruata laŭ la distingita projekto de fame-konata varsovia skulptisto A. Ostrzega prezentas kolosan konstruaĵon (dimensioj 7x4 metroj, alteco ĉirkaŭ 12 metroj) — la restarigitan Babelan Turon, — kiu certe estas la plej trafa simbolo de la triumfo de la ideo plej ame karesita de nia Majstro.

Samtempe ni anoncas la kolekton de monoferoj por la Monumento-konstruo farata sub la kontrolo de I. C. K. Sur alia loko ni donas la necesajn kaj detalajn informojn ĉi-rilate. Tie ĉi ni limigas nin nur je peto plej rapide kaj senavare monoferi. **Ĉar la afero urĝas, ne prokrastu kaj faru tion jam tuj.** Esperantaj grupoj, landaj organizaĵoj kaj apartaj samideanoj, dezirantaj helpi al la monkolektado, sin turnu al ni por ricevi la necesajn informojn kaj materialojn.

Pri la Postkongreso mem, ĝia programo kaj partopren-kondiĉoj, ni ĉi sube donas la praktikajn informojn. Ĉi loke ni atentigas nur, ke dank' al la proksimeco (nur 3 hora vojaĝo de Varsovio), malaltaj kostoj de vojaĝo kaj restado kaj interesa programo neniu domaĝos la viziton de Zamenhof-naskurbo, kie li trovos abundan esperantistaron, Zamenhof-naskodomon, esperantan teatran revuo-prezentadon, eksku son al unikaj arbaroj kaj lagoj kaj fine — la plej grava: partoprenos en la GRANDA CEREMONIO, ETERNIGANTA LA MEMORON DE NIA MAJSTRO. **Do, ne hezitu, tuj aliĝu kaj nepre venu!** Se BEDAŬROS do nur la NEpartoprenontoj. **Neniu el la kongresanoj manku! Białystok-senpacience vin atendas!!!**

LA ORGANIZA KOMITATO:

Prezidanto: **J. Ŝapiro.** Generala Sekretario: **F. Kurjański.**

## INFORMOJ.

**Kotizo.** Sv. Fr. 5. — Zł. p. 8.00., entenanta ĉiujn aranĝojn krom la ekskursoj manĝoj kaj hotelo. Aliĝilojn ricevas, ĉiuj partoprenantoj de la Kongreso en Kraków kaj de la Postkongreso en Varsovio. Aliaj petu de ni senpere.

**Pagmaniero.** Per poŝtmandatoj, poŝtĉekoj, **(Poŝtĉek-konto: Zamenhofa Esperanta Societo en Białystok Nro 64.621. P. K. O. Warszawa),** prefere per monbiletoj en registrita letero. Aliĝojn kaj pagojn akceptos ankaŭ niaj reprezentantoj dum la Kongreso en Kraków kaj Postkongreso en Varsovio, kiuj ankaŭ donos detalajn informojn.

**Monoferoj por la Monumento:** Specialaj monofer-deklaroj kaj brikoj riceveblaj, ĉe ni senpere, ĉe la Kongresaj Komitatoj, U. E. A., kaj ĉe niaj landaj reprezentantoj en la tuta mondo.

**Loĝado kaj manĝoj.** Proksimume la samaj prezoj, kiel en Varsovio kaj Kraków, tamen iom pli malkaraj. Modestaj, tamen bonaj manĝoj (3-foje) dum tago de 5 ĝis 7 złotoj. Hotelo 4—6 złotoj. Privata loĝejo 2 złotoj.

**Alveno al Białystok.** La karavano el Varsovio al Białystok foriros la 12-an de aŭgusto je la 9.20. matene. Tamen laŭdezire oni povas veni al Białystok pli frue. Ĉiu estos akceptata en la stacidomo.

**Ekskursoj.** Al Pra-arbaregoj en Białowieża (Muzeo kun unikaj best-ekzempleroj) kaj al la admirindaj lagoj en Augustów (perŝipaj ekskursoj,. Prezoj moderaj. Detaloj surloke.

## PROVIZORA PROGRAMO.

### 12. VIII.

12.40. Oficiala akcepto de la karavano en la stacidomo.
13.30. Monumenta soleno. Paroladoj de reprezentantoj de la registaro, urbo, landoj k. t. p.
15.00. Komuna tagmanĝo.
16.00. Vizitado de Zamenhof-domo kaj de la urbo.
18.00. Postkongresa Kunsido.
20.00. Prezentado de la Esperanta Revuo-Teatro „La Verda Muelejo" (Teatra Sekcio de Esp. S-to) s. t. „La Stela Parado".
22.30. Komuna vespermanĝo.
23.30. Internacia kostum-balo kun dancoj kaj kabareda programo.

### 13. VIII.

Ekskursoj al Białowieża kaj Augustów. Laŭdezire ankaŭ al aliaj lokoj.




## UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO.

POLA TERITORIO, Ĉefdelegito: J. Ŝapiro, Lipowa 33, Białystok.
Konto ĉe PKO No 60.047.

### OFICIALA BULTENO No 23.

**JARLIBRO 1931.** La Jarlibro por 1931 de nia Asocio estos dissendita al ĉiuj membroj meze de la nuna monato. Ĝi prezentas belan 420-paĝan volumon kaj bone, kiel ĉiam, servos al ĉiu ano de UEA.

**NEREPAGINTOJ.** La 1-an de n. m. ni dissendis al ĉiuj niaj membroj, ne bonvolintaj ĝis tiu dato repagi sian kotizon por la nuna jaro, cirkuleron kun invito realiĝi por 1931. Ni atendas, ke ĉiuj bonvolos malgraŭ la malfacilaj ekonomiaj cirkonstancoj pagi sian kotizon por subteni nian grandan tutmondan organizaĵon. Samideanoj, kiuj pro iaj kaŭzoj ne povas realiĝi aŭ deziras partopagi, bonvolu nin rapide informi. La 20-an n. m. ni enkasigos la kotizojn per la poŝto de tiuj membroj, kiuj ne respondos ĝis tiu dato al ni. La Membro-Abonantoj kaj Subtenantoj povas, repagante la kotizon, aldoni 5 zł. por ĝui rabatitan abonon de „Pola Esperantisto".

**KONKURSO.** Por ebligi multnombran partoprenon en konkurso, anoncita en nia Bulteno No 22, la Komisiono de Universala Esperanto-Asocio plilongigis la findaton por alsendo de manuskriboj ĝis la 15-a de Julio 1931. La manuskriptoj estu sendataj rekte al la C. O. de UEA, 1, Tour de l' Ile, Genève, Svislando.

**STATO DE UEA EN POLUJO.** La 1-an de Junio n. j. UEA havis en Polujo 354 membrojn (4 DM, 15 MS, 200 MA, 127 M, 8 HM) kaj 1 Esp. Entreprenon. Por komparo ni notas, ke pasintjare je la sama dato pagis sian kotizon 337 mem-

broj. Nunjare do eta progreso estas rimarkebla, tamen la nombro estas ankoraŭ nesufiĉa kaj neniel impona. Ni do pluen laboru kaj varbu.

**NOVAJ DELEGITOJ.** Ni informas pri starigo de nova Delegito:
GDYNIA. D. Józef Garbala, jurnalisto, skr. poczt. 103.

Białystok, la 1. 6. 1931. **J. Ŝapiro,** Ĉefdelegito de UEA.

# LA KURSO DE ANDREO ĈE EN KRAKÓW.

**oficialigita de la urbestraro.**

Kun ĝojo ni sciigas, ke la urbestraro de Krakovo bonvolis oficialigi la Trian Internacian Pedagogian Kurson de Andreo Ĉe kaj sekve de tio la urbestro de Kraków sendis al s-ro Ĉe la jenan invitleteron;

Kraków, la 22. majo 1931.

Via Pastra Moŝto.

En ĉi tiu jaro okazos en nia urbo Universala Kongreso Esperantista, en la tagoj 1—8 de aŭgusto.

Por kiel eble plej multe disvastigi la sciadon de Esperanto inter niaj civitanoj, mi turnas min al vi, Pastra Moŝto, kun la afabla peto, veni al Kraków meze de la monato julio k. j. kaj organizi kurson laŭ via rekonita metodo.

Mi ne dubas, ke la kurso ĝuos grandan sukceson kaj efike kontribuos, plivastigi la jamajn rondojn de tiuj, kiuj interesiĝas pri la problemo de lingvo internacia, kia hodiaŭ nekontesteble estas la lingvo Esperanto.

Bonvolu akcepti la esprimojn de mia profunda estimo.

(subskribo) PREZIDANTO DE L' URBO.

Pro la amasa alveno de aliĝoj al la kurso ni timas, ke ni devos baldaŭ ĉesigi la akcepton de pluaj aliĝoj kaj tial ni urĝe avertas tiujn personojn, kiuj havas seriozan intencon partopreni, ke ili bonvolu certigi por si lokon per kiel eble plej baldaŭa aliĝo.

La kurso okazos sub la rektoreco de Prof. Odo Bujwid, Konsilanto de la Intern. Ĉe-Instituto de Esp. kaj komenciĝos la 20-an de julio matene, finiĝos la 31-an de julio tagmeze.

La kursanoj, kiuj pagis la kurskotizon de 20 polaj zlotoj (= ĉ. 12 svisaj frankoj), havas la rajton partopreni en la Seminario por Ĉe-metodaj kursgvidantoj ne pagante la specialan kotizon (8 zlotojn) de tiu Seminario. La Seminario okazos en la vesperoj de 29—30—31. julio kaj en la mateno de la 1. aŭgusto.

Ni petas la Esperantistaron, bonvolu inviti al partopreno en la kurso precipe la ne-esperantistajn pedagogojn disverslandajn.

La kongresaj favoroj je pasporto kaj fervojo validos ankaŭ por la kurso.

La Organiza Komitato de la kurso volante helpi al kelkaj bezonantaj gesamideanoj kaj ebligi al ili partoprenon en la kurso destinis 10 loĝejojn senpagajn kaj 5 loĝejojn kun kompleta vivteno ankaŭ senpagajn.

Adreso por aliĝo: Internacia Kurso de Esperanto, ul. Lubicz 34., Kraków, Polujo.

# INTERNACIA SEMINARIO

## POR ĈE-METODAJ KURSGVIDANTOJ.

**KRAKÓW (Polujo), 29. Julio — 1. Aŭg. 1931.**

Pro deziroj esprimitaj el pluraj landoj la Internacia Ĉe-Instituto de Esperanto decidis aranĝi en Krakovo **Internacian Seminarion por Ĉe-metodaj kursgvidantoj,** sub la gvidado de Andreo Ĉe.

La Seminario okazos en la vesperoj de la 29—30—31. de Julio kaj en la mateno de la 1. de Aŭgusto. Ĝi ampleksos en la vesperoj po 3 horojn kaj en la mateno 4 horojn, do entute 13 horojn.

La programo de la Seminario estas:

Prelegoj de s-ro Andreo Ĉe pri sia kursmetodo, pri la principoj de la metodo kaj pri la tekniko de la aplikado. Konsiloj al la instruantoj. Praktikaj prov-ekzemploj. Raportado de la diverslandaj instruistoj pri siaj spertoj. Diskutado.

La partoprenontoj bonvolu jam antaŭe prepari sian materialon por la raportado kaj diskutado.

La kotizo de la Seminario estas 8 polaj zlotoj (= ĉ. 5 svisaj frankoj) pagotaj samtempe kun la aliĝo al la Organiza Komitato de la Internacia Seminario, ul. Lubicz 34., Kraków, Polujo.

En la Seminario partopreni povos nur profesiaj ĝeinstruistoj kaj instruantoj de Esperanto.

Seminarianoj pagintaj la kotizon de 8 zlotoj ĝuas la rajton partopreni en la Internacia Kurso de Andreo Ĉe dum la tagoj 29—30—31. julio, ne pagante la kursan kotizon;

La pasportaj kaj fervojaj rabatoj validos ankaŭ por la Seminario.

Esperantaj gazetoj estas petataj afable represi la supraĵn sciigojn.

Hago, la 30-an de Majo 1931.

INT. ĈE-INSTITUTO DE ESP.

# BIBLIOGRAFIO.

**500 słów języka Esperanto.** Kompletny kurs metodą przyspieszoną w 10 lekcjach. Opracowali i wydali Bracia Fethke Bydgoszcz. Prezo: 1.50 zł.

Metodo prilaborita ne en la kutima maniero pere de libreto, sed en 12 apartaj folioj, t. e. 10 lecionoj kaj vortareto.

Jam en la antaŭparolo la aŭtoro diras, ke la metodo estas destinita por la lernantoj kun la instruisto. Sed estas tute eble lerni ankaŭ sen instruisto, memkompreneble ĉiam instruisto estas preferinda. La nova lernilo estas bone arangita kaj povas sufiĉi al la komencanto. Speciale nun ĉiu nova lernilo estas tre rekomendinda, se estas facile aplikebla, kiel la supredirita.

**ANEKDOTARO** — Dr. Leopold Dreher, L. K. Studo per rido kun lingvaj klarigoj kaj vorttradukoj franca, angla, germana, pola, por pli funda ekkono de esperanto. Kraków 1931. Eld. Leopold Dreher, Kraków, Starowiślna 37. Paĝoj 64. Prezo 1.50 zł. aŭ 1 sv. fr.

Jam en la antaŭparolo skribas la aŭtoro, ke mil kaj unu libroj estas disponeblaj por la jusa kursfininto, tamen nur malmultaj plenumas sian taskon. Efektive! Ĉiu gvidanto de perfektiga kurso havas ĉagreneton, kiun libron elekti; ĝi ja devas esti perfekta en stilo, interesa, sed ne tro malfacila. Tiujn ĝuste kvalitojn posedas la citita, estanta mezŝtupo inter lia „Kompletny podręcznik" kaj „Supera kurso", pri kiu ni eksciis, ke kvankam multekzemplere presita ĝi estas jam preskaŭ elĉerpita.

**5.000.000 de Grenkamp Kornfeld.** Se la libro ne plaĉas al vi, rekomendu ĝin al viaj amikoj. Tion konsilas aŭtoro al la legantoj. Mi faros alimaniere: mi konsilos legi plenhumoran kaj belstilan libron de nia samideano, ĉar ĝi ne povas ne plaĉi. Nur unu: ĉu estas ebla ke ni trovos tiel idealan rabiston, ke li oferu unu milionon al esp. movado? mi dubas pri tio, kaj ne deziras forrabitan monon por niaj celoj. Ni kolektos necesan monon el niaj esperantaj malplenaj poŝoj. Sed bonvolu legi kaj rekomendi la libron al ĉiuj esperantistoj. Tiamaniere vi disvastigos nian lingvon — viavice.

**Por recenzo ricevitaj:**

**Jan Welzl. Tridek jarojn en la Ora Nordo.** Olomouc. Esperantigis kaj eldonis Moraviaj Esperanto Pioniroj. Bone eldonita, interesa libro, pri kiu ni parolos en la proksima n-ro.

**Anstataŭa edzino — Erica Maxwell.** Eldono de Heroldo de esperanto. Pri tiu libro ni parolos pli detale. Nun ni rekomendas ĝin kiel unu el plej interese skribitaj romanoj.

# 23-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO.

## Kraków, 1—8 aŭgusto 1931.

**OFICIALA BULTENO.** **15 JUNIO 1931.**

**Adreso:** Universala Kongreso de Esperanto, Kraków, Lubicz 34, Pollando.

**Kotizo:** Zł. 44.—, Helpkongresanoj kaj studanta junularo Zł. 22.—, infanoj ĝis 14 jaroj Zł. 11.—. Blinduloj ne pagas kotizon.

**Pagmaniero:** Per poŝtĉeko, poŝtmandato, bankĉeko, monbiletoj en registrita letero. — Plej malmultekosta pagmaniero estas pere de Pola Poŝtŝparkaso al

nia konto: 23. Universala Kongreso de Esperanto, Kraków Nro. 410975. — Tia transpago estas ebla el: Austrio, Belgujo, Ĉeĥoslovakujo, Danujo, Francujo, Germanujo, Italujo, Jugoslavio, Latvio, Nederlando, Svedujo, Svisujo. — Demandu pri tio en via poŝtoficejo.

**Garantia kapitalo:** Ni petas deklari laŭvolan sumon por kovro de eventuala deficito. Sumo: Zł. 60.—.

**Donacoj:** Pluaj enpagoj: Esperantista Klubo, Ĉeske Budejovice Zl. 10.42. M. Strümpfel, Löschnitz Zł. 2.—, J. A. Briscoe, London Zł. 2.16,, L. J. F: Watson,, Letchworth Zł. 3.39, M. Sygnarska, Bydgoszcz Zł. 1.—, M. Almquist, Oslo Zł. 6.—. Sumo Zł. 184.81.

**Blindula kaso:** Pluaj enpagoj: J. Wojtas, Radom Zł. 45.56, W. P. Merrick, Shepperton Zl. 43.—, H. Weissowa, Warszawa Zl. 26.—, E. Rytenberg, Warszawa Zł. 4.—, Societo Esperanto, Kraków Zł. 22.15. Sumo Zł. 260.37.

**Afiŝo** kongresa kaj propaganda flugfolio estis dissenditaj al ĉiuj esper. grupoj laŭ la adresaro UEA. — Grupoj, kiuj ne ricevis ilin kaj samideanoj, bonvolu mendi ilin ĉe la L. K. K. — Afiŝoj estu elpendigitaj en konvenaj lokaj kaj prefere ne surgluataj, ĉar povas servi poste kiel ekspozicia materialo. Ĝi estas arta kaj multekosta eldonaĵo. Grupoj kaj personoj, kiuj ĝis nun ne konfirmis la ricevon de l' aliĝiloj kaj afiŝoj, bonvolu tion fari, ĉar tiuj ĉi poŝtkartoj estos ekspoziciataj dum la kongreso.

**Loĝado.** Ĉiu aliĝinta kongresano ricevas per revenanta poŝto kun aliaj presaĵoj mendilon por loĝejo, laŭ kiu ni rezervas konvenajn ĉambrojn. Principe al ĉiu kongresano ni rezervas apartan ĉambron; komunajn loĝejojn (du ĝis kelkaj personoj) nur al personoj, kiuj konsentas pri tio.

**Manĝado** ĝenerale estas malmultekosta. Ni preparis kelkajn konvenajn manĝejojn, kie oni eĉ parolos esperante. La adresojn ni citos en la kongresa libro. Ĉiu kongresano do povas laŭ sia plaĉo kaj poŝenhavo manĝi, kie li deziras.

**Farvoja rabato.** Plej malfrue komence de julio ĉiu aliĝinto ricevos fervojan rabatilon, laŭ kiu ricevos 50 proc. da rabato sur polaj fervojoj en ĉiuj direktoj de 15. VII. ĝis 20. VIII. en ĉiuj klasoj kaj vagonaroj. Pollandaj kongresanoj ricevos 50 proc. rabato nur por revena vojo.

Krom belgaj fervojoj ankaŭ francaj fervojoj promesis 50 proc. da rabato al ĉiuj traveturontoj Francujon. Ĉiu do, kiu deziras profiti el tiu ĉi rabato turnu sin al Sro. P. Petit en Rosny s/Bois, 59. Rue de Neuilly.

Oni esperas, ke rumanaj fervojoj ankaŭ konsentos rabaton.

Esp. organizaĵoj en Germanujo, Ĉeĥoslovakio, Austrio, Hungarujo estas petatoj ankaŭ klopodi tiu ĉi direkte.

**Pasportoj.** Ĉiu kongresano devas posedi pasporton. Polan vizon oni ricevos senpage montrante provizoran kongresan karton.

Kun ĝojo ni komunikas, ke rumana Ministerio por Eksterlandaj aferoj bonvolis aprobi, ke ĉiuj partoprenantoj de nia Kongreso el Bulgarujo, Grekujo, Jugoslavio kaj Turkujo, ricevu senpagan traveturan vizon.

Ni avertas, ke definitivan Kongresan karton oni ricevos nur en akceptejo, do la provizora karto servas kiel legitimilo por akiri vizon kaj fervojan rabaton.

**Fakaj kunvenoj.** Ĉiuj ĝis nun anoncitaj fakkunvenoj havas jam rezervitan tempon kaj lokon en la kongresa labora programo. Aranĝantoj de tiuj ĉi kunvenoj, kiuj ne informis nin ĝis nun pri postulata tempo, bonvolu tion fari se eble senprokraste. Ĝis nun anonciĝis: Scienca Asocio, TEKA, ILEPTO, TAGE, UDEV. Literatura Mondo, Internacia Studentaro, Paneuropa, Pacifistoj, Blinduloj, Heroldo de Esperanto, Interniaro, Oomoto, UHA, Bahaanoj, Stenografistoj.

**Kongresejo.** Por kongresaj celoj ni disponas per kvar konstruaĵoj starantaj ĉe la sama strato. Akceptejo, vendejo, fakaj kunvenoj troviĝos en Komerca Akademio (kiel en la jaro 1912), fakaj kunvenoj, prelegoj, en Industria Muzeo, Somera Universitato en la Jagellona Universitato, malferma kaj ferma kunveno en la Katolika Domo.

**Balo.** Kiel ĉiujare ankaŭ ĉe ni okazos tiu ĉi festo kaj ni petas insiste ĉiujn kongresanojn kunporti siajn naciajn vestojn, sed ne fantaziajn.

**Aliĝo.** Kvankam plej frua aliĝo estas ne nur dezirinda, sed ankaŭ necesa, pro la dissendo de fervojaj rabatiloj, tamen konsiderante la nunjaran ekonomian staton ni decidis ne plialtigi la kotizon post la 1. de julio, kiel estas notite sur la aliĝiloj.

**Kongresa oficejo** funkcias nune seninterrompe en la Industria Muzeo str. Smoleńsk 9, II. et. ĉambro 129. Adreso por la poŝto restas la sama t. e. str. Lubicz 34.

**Ekzamenoj.** La ekzamena komisiono de „Pollanda Esperanto-Instituto" aranĝas• dum la kongreso internaciajn ekzamenojn pri sciado kaj pri istruista kapableco en la lingvo Esperanto. Aliĝojn adresu al la LKK, ĝis la 20 de julio plej malfrue, por ricevi detalan informon pri la tempo, kostoj ktp.

**Oratora** konkurso okazos antaŭ speciala juĝantaro, konsistanta el senprepara belprononca parolado pri unu el tri lastminute ricevitaj temoj. La tri plej sukcesaj oratoroj ricevos valoran premion.

**PLUAJ ALIĜINTOJ:**

163. Stray Edith, Oslo, Josefine 15, Norvegujo.
164. Schwartz Agnes, Danzig, Heil, Geistg 85.
165. Briscoe Josiah Alfred, London N 3. Finchley Brentway 2.
166. Jenkins Livingstone, London, Finsbury Park N. 4, St. Thomas Rd. 64.
167. Bogdanowicz Stanisław, Wisła, Polujo.
168. Frischmann David, Kielce, Czysta 31, Polujo.
169. Liŝka Rudolf, Mor. Ostrava, Privoz J. K. Tyla 5, Ĉ-Sl.
170. Bareŝova Ada, Praha, Vinohrady 2175 Lucemburska 22, Ĉ-Sl.
171. Karat Franz, Knittelfeld, Weyerngasse 30 Aŭstrio.
172. Spiess Gerda, Danzig, Goldschmiedegasse 25.
173. Triebau Gertrud, Danzig, Sandgrube 29.
174. Schleimer Hans Heinz, Danzig, Langfuhr Hauptstrasse 147-b I.
175. Demidowicz Michał, Brześć n/B. Sienkiewicza 10. Polujo.
176. Rollet de l' Isle, Paris.
177. Jedliĉka Vojtêch, Nedvezî, Moravio.
178. Prochazka Julius, Syrovice, a) Rajhrad 152, Ĉeĥoslovakio.
179. Kysely Apolonia, Niżny Slavkov, Via Lypiany, Koŝicka Żupa, Ĉeĥoslovakio.
180. Kysely Magda, Preŝov, Ĉ.-Sl.
181. Werner Hans, Danzig, Stutthof Schulstrasse.
182. Bloch Robert, Praha, Smichov Postministerio, Ĉ.-Sl
183. Krysta Ludwik, Cieszyn, Sachsenberge 12, Ĉ.Sl.
184. Skulina Louise, Cieszyn, Hoheneggerstr. 4, Ĉ.-Sl.
185. Pagel Elisabeth, Potsdam, Kiezstrasse 1-a, Germanujo.
186. Thomas Margaritha, Potsdam, Lennestrasse 59, I, Germanujo.
187. Pruski Czesław, Lublin, Konopnickiej 8/7, Polujo.
188. Lencznar Marja, Łańcut, Ogrodowa, Polujo.
189. Münz Adolf, Berlin sw. 19, Leipzigerstr. 58. Germanujo.
190. Pitlik Dro. Augustin, Praha II. Kremencova 34.
191. Sygnarski Prof. Mieczysław, Bydgoszcz, Kordeckiego 19, Polujo.
192. Knopf Walter, Beuthen, Kaiserplatz 5, II. Germanujo.
193. Knopf Luci, Beuthen, Kaiserplatz 5, II. Germanujo.
194. Weiler Leonia, Lwów, Rzeźnicka 17, Polujo.
195. Gottlieb Rachela, Lwów, Janowska 26, Polujo.
196. Hescheles Antonine, Lwów, Piłsudskiego 14. Polujo.
197. Wooding Noel, Leicesteer, Andover str. 15, Anglujo.
198. Almquist Margaretha, Oslo, Suhmsst. 14. Norvegujo.
199. Ryba Ryszard, Tarn. Góry, Spółka Bracka, Polujo.
200. Haubeñ Fritz, Cernauti, Stefan cel Mare 5, II. Rumanujo.
201. Żmuda Bolesław, Siedlce, Astanowicza 20, Polujo.
202. Żmuda Eugenja, Siedlce, Astanowicza 20, Polujo.
203. Żmuda Wiesław, Siedlce, Astanowicza 20, Polujo.
204. Żmuda Ludmił, Siedlce, Astanowicza 20, Polujo.
205. Long Bernard, Berkhamsted. North. Road 12. Anglujo.
206. Müller Karl, Görlitz, Augustastr. 2, II. Germanujo.
207. Svenson Anna, Eskilstuna, Smeden 23, Svedujo.
208. Almann Dera, Eskilstuna, Ekvalsgatan 4, Svedujo.
209. Zetterman Agda, Eskilstuna, Kvasngardesgatan 18, Svedujo.
210. Juneby Ernst, Jönköping, Kanalgatan 3, Svedujo.
211. Lindahl Margareta, Jönköping, Kanalgatan 3, Svedujo.
212. Jensie Knut, Jönköping, Slottsgatan 44, Svedujo.
213. Ohlssohn Marta, Jönköping, Slottsgatan 44, Svedujo.
214. Löfstedt Frida, Bjuv, Svedujo.
215. Niŝimura Koogecu, Paris. Rue Felix Faure 1.
216. Merrick W. P., Shepperton, Penso, Anglujo.
217. Merrick M. C., Shepperton, Penso, Anglujo.
218. Osmond Emma L., London W5, Ealing Fowlers Walk 95. Anglujo.

219. Tyszkiewicz Marjan, Jeleniec, p. Kraszewice, Polujo.
220. Smith Willie, Brieroliffe a) Burnley, Milton Str. 15. Anglujo.
221. Lancaster Annie, Burnley, Abel str. 3. Anglujo.
222. Agourtine Leon, Paris 5, Rue Pierre Niesle 39.
223. Weightma Dorothy, Blundellsands, Liverpool Hall Rd East, Anglujo.
224. Guinaud, Ballancourt, Rue Blanchard, Francujo — S. & O.
225. Guinaud, s-ino, Ballancourt, Rue Blanchard, Francujo — S. & O.
226. Olszowski Włodzimierz, Poznań, Ratajczaka 11-a, 7w. Polujo.
227. Tamminen Elmi, Helsinki, Siltavuorenranta 4, Finlando.
228. Koivuniemi Helmi, Helsinki, Temppelik 17-A, Finlando.
229. Smith Ella Baldwin, Barry, Porthkerry Rd. 61. Britujo.
230. Dowley Roger, South Croydon, Egremont, Melville Ave. Anglujo.
231. Harley Robina, Hamilton, Burnblia 31, Skotlando.
232. Halma Take, Oraniedorp, O. 103, Nederlando.
233. Dupuis Marcel, Paris 5, Rue de Cluny 17.
234. Osidacz Zofja, Warszawa, Puławska 14, Polujo.
235. Juszkiewicz Włodzimierz, Warszawa, Zygmuntowska 9, „Latarnia", Polujo.
236. Błażewicz Magdalena, Warszawa, Al. Ujazdowskie 5.
237. Bieniewska Wiktorja, Warszawa, Podskarbińska 4, dom. 1.
238. Bieniewski Mieczysław, Warszawa, Podskarbińska 4, dom 1.
239. Pięta Piotr Pastro, Kraczkowa, p. Łańcut, Poluje.
240. Hansen Engelbrecht, Holbaek, Villa „Perm" Danujo.
241. Jensen Erik, Holbaek, „Phönix", Danujo.
242. Róbin Wilhelm Dro, Warszawa, Marszałkowska 113, Polujo.
243. Kon Salomon, Płock, Tumska 9, Polujo.
244. Vogel Oskar, Dresden A. 42, Schilfteichstr. 3, Germanujo.
245. Couffinhal P., Relizane, Blvd. des Muriers, Alger — Oran.
246. Strümpfel Martin, Loeschnitz, in Erzgebirge, Germanujo.
248. Musella Anna dro. Napoli, Via Ferdinando Palasciano Diciasette.
249. Droste Andre, Rotterdam, van Weelsstraat 9b.
250. Stasiak Jan, Warszawa, Łochowska 40, m. 13. Polujo.
251. Barback Toby K., Glasgov NW, Scotia Str. Skotlando.
252. Nicol Alison A. Glasgov, Pollokshields Kenmure str. 268, Skotlando.
253. Strazds Krišjanis, Jelgava, Raina 13, Latvio.

Pro manko de loko ni prokrastas pluan liston de l' aliĝintoj, kies nombro ĝis hodiaŭ estas 305.

**Laŭlanda statistiko:** Aŭstrio 8, Belgujo 1, Britujo 49, Ĉehoslovakio 23, Danujo 3, Danzigo 5, Finlando 2, Francujo 10, Germanujo 23, Hungarujo 6, Italujo 6, Japanujo 2, Jugoslavio 1, Latvio 2, Nederlando 15, Norvegujo 2, Rumanujo 1, Saarteritorio 1, Svedujo 9, Svisujo 2, U. S. A. 4, Alĝerio 2, Polujo 86.

## SOMERA UNIVERSITATO.

Laŭ la interkonsento de LKK kun ICK temo de la prelegoj estos turismo. Kiel prelegontoj bonvolis ĝis nun anonci sin: el Japanujo universitata profesoro Suzuki, el Dresden s-o inĝ. Friedmann - konata alpinisto, el Kraków universitataj profesoroj Goetel, Wilkosz kaj Szafer, el Praha s-o dro Pitlik — supera sekretario de komerca ministerio. Post la aprobo de ICK ni konatigos la programon.

**Loka Kongresa Komitato.**

## BONVOLU ATENTI!

Post multa klopodo de samideanoj en Riga, la Latva ministerio de informa fako konsentis eldoni gvidlibrojn pri Latvio kaj pri Riga, la ĉefurbo de la lando, speciale, por eksterlandaj turistoj. Estas la unua fojo dank' al konstanta klopodo de S-anoj Indra kaj Libers, ke la latva ministerio nun ekinteresiĝas pri esperanto.. Por montri efektivan utilon de esperanto, ĉiuj gesamideanoj tuj mendu la belajn gvidlibrojn. Inter multaj belaj lokoj por somerpasigo Riga, la ĉefurbo havas ekstreme belan kaj tre konatan marbordon. La vivkosto tie ankaŭ estas tre modera. Tre agrabla socio esperantista. Ĉiuj, kiuj volas veturi tien dum ĉi-tiu somero bonvolu sinturni al Latva esp. Societo, Pasta kaste 844, Riga por detalaj informoj kaj ĉiuj aliaj, kiuj senpage volas posedi bele ilustritan gvidlibron pri Latvio, bv. sin turni kun gratulvortoj al' Latva ministerio de informa fako, Riga, Latvio.

**L. Sinha,** Hon. ano de Lates.

---

'Redaktor odpowiedzialny: Juljusz Kriss, Kraków.
Drukarnia Ludwika Gronusia i Ski w Krakowie, ul. Stolarska 6.

# Uwaga!

Obowiązkiem każdego Esperantysty jest rozpowszechniać jedyny miesięcznik w języku polskim, poświęcony wyłącznie propagandzie Esperanta:

**„Pomocniczy Język Światowy".**

Pozyskujcie jak najwięcej abonentów, bo od tego zależy dalszy żywot pisma. Abonujcie nietylko dla siebie ale i dla swoich znajomych, starajcie się, by pismo znajdowało się zawsze do przeglądnięcia we wszystkich czytelniach, poczekalniach, resturacjach, kawiarniach i t. p.

**Abonament wynosi tylko zł. 2.40. Możliwy też abonament miesięczny. Wpłaty uskuteczniać można na konto: „Polski Esperantysta" P. K. O. 406.660.**

**Adres dla korespondencji: Kraków, Lubicz 34.**

## VERDA LIBERTEMPO EN ITALUJO.

Itala Esperantista Federacio aranĝas antaŭ la Krakova Kongreso sian duan turisman karavanon. La aliĝontaj povos daŭrigi la vojaĝon al Kraków kune ku la itala kongresa karavano (la 28. VII.). — La karavanoj daŭros de la 20. VII, resp. 23 VII ĝis la 28. VII. kaj havas tre riĉan kaj interesegan programon, nome: viziton de Verona kun opera teatraĵo en la areno de Verona; viziton de lago de Garda, Venezia k. Lido, Padova (itala E. Kongreso), resp. Milano kaj lago de Como!

Kotizo de la 5-taga ekskurso estas 520 it. liroj (ca 250 zł.); de la 7 taga ekskurso — 780 it. liroj (ca 380 zł.). Vojaĝo en unua aŭ dua klaso laŭ linioj, bonaj hoteloj, komforta aranĝo. Sperta gvidado de italaj esperantistoj.

Detalajn informojn donas: Esperanto-Centro — Italia. **Milano,** Galleria Vittorio — Emanuele 92.

## PROGRAMO DE POSTKONGRESA EKSKURSO AL LA ALTA TATRA.

Mi invitas Esperantistojn (bonajn turistojn, liberaj je kapturniĝo, kun najlitaj ŝuoj ktp.) je partopreno.

1-a tago: Zakopane, Hala Gąsienicowa, noktiĝo.
**2-a** „ Zawrat, kvin polaj lagoj, fiŝlago (Morskie Oko) nokt.
**3-a** „ Marokulpinto (Rysy 2503 m), ree al fiŝlago, nokt.
4-a „ Trans la Pola Dorso (Polsky hreben) (event. Mala Vysoka) ĝis Sliezsky dom, nokt.
**5-a** „ Gerlsdorferspitze (Gerlach 2663 m) kaj reen, nokt.
**6-a** „ Irado ĝis Smokovec (Schmecks).

Mi havas bonan gvidlibron kaj landkartojn.

**Edmund Dittrich,** Aŭstrio, Wien 16, Wattgasse 20.

## NE FORGESU RENOVIGI LA ABONON POR J. 1931!

**Pagu la abonon je nia konto PKO 406.660.**

**Abonu mem kaj varbu novajn abonantojn por la sola esperanta gazeto en Pollando!**

**Abonu la polan propagandan revuon „Pomocniczy Język Światowy".**

Redaktor odpowiedzialny: Juljusz Kriss.

**Drukarnia Ludwika Gronusia i Ski w Krakowie, Stolarska 6.**